## NOVA JARO = NOVA ESTRARO

Kiel vi jam legis sur la Esperanta gazetaro kaj aparte sub la "Kristnaska arbero" de la lasta "Itala Fervojisto" la Nacia Kunveno de italaj fervojistoj Esperantistoj okazinta en Romo dum oktobro, elektis novan estraron de I.F.E.A.

Okaze de la kunveno oni elektis min kiel Prezidanto sed la plej gravaj taskoj falis sur la Ŝultron de D-ro Romano Bolognesi elektita kiel Nacia Sekretario. Mi konscias pri la honoro farinta al mi, sed mi ankaŭ konscias pri la plenumenda laboro de reorganizado kaj rilanco de nia Asocio, kiuj estos farita de la diversaj estraranoj kiuj ricevis la farendajn taskojn.

Mi dankeme kaj gratule konsideras la faritan laboron de la antaŭa Prezidanto D-ro Manlio Galli nun Honora Prezidanto de nia Asocio.

Post 33-jaroj mi lasis ankaŭ la redaktadon de "Itala Fervojisto - Informa Bulteno" kaj estas certa ke danke al Kav. Geo Climelli, nova estrarano kiu ricevis tian taskon, la aperado de nia organo estos pli regula.

Niaj venontaj agoj postulas la strebadon de niaj fortoj, de ĉiuj niaj fortoj, krom tiaj de niaj estraranoj. Kun la helpo de ĉiuj simpatiantoj kaj danke al la helpo de nia "Dopolavoro Ferroviario" (Itala FISAIC - Organizo), je ĉiuj niveloj, ni atingos pli vastan disvastigon de nia lingvo ĉe la Fervojistoj.

Mi bondeziras bonan jaron kaj sukcesojn al ĉiuj anoj de I.F.E.A., al ĉiuj legantoj, lernantoj kaj simpatiantoj.

1985-a: Nova Jaro - Nova Estraro, kaj Nova vivo de I.F.E.A.

LA PREZIDANTO
Germano Gimelli



## HONORAĴO

D-ro Romano Bolognesi, Nacia I.F.E.A. Sekretario, estis distingita per la honoraĵo de Kavaliro je la merito de la Itala Respubliko.

Al la amiko Romano Bolognesi vivajn gratulojn pro la rekono meritita.

**I. F. E. A.**



## NUOVI SOCI I.F.E.A.

BEDOSTRI Guerrino
BIAGGIONI Rodolfo
BIANCANI Piera
BONORA Lanfranco
BONORA Rosanna
BORTOLETTO Tonino
CAMPODIPIETRO Primiano
CARROLI Giampaolo
CASTELLI Elena
CICCHETTI Luigi
DALLA Valerio
D'AMORE Piero
DE LEO Carmen
FACCIOLI Carla

FANTONI Renzo
GASPARINI Claudio
GIMELLI Guido
GIULIANO Giuseppe
GRANDI Giovanni
MAGRINI Alfredo
MIANO Lucia
OCONE Adele
PACCO Sergio
PERETTO Mariateresa Tagliano
POMA Angela
PONDRELLI Elide
PONDRELLI Irene
RAGUSEO Giuseppe
SCARDOVI Annamaria Bonora
SEMINARA Maria
TAGLIANO Guglielmo
TOMESANI Marco
TORRESAN Lino
VELLA Marinella
ZANASI Giorgio
ZANOLI Lucia Boschin

===========

In occasione del versamento della quota 1985 il socio BARBIERI Giovanni ha offerto L. 8.000 in più ed il socio ASTEGIANO Giovanni ha offerto L. 5.000 in più.




A.E.C.

A.E.C. - INFORMOJ

La kolegoj samideanoj de A.E.C. (Europa Asocio de la Fervojistoj), membroj de G.E.F.A., sendis al la Estrar-Kunsido de A.E.C. la sekvantajn proponojn:

1) eldono de eŭropa informa gazeto de A.E.C. por Eŭropo pere de la eŭropa estraro.
   Lingvoj: franca kaj Esperanto.
   Periodoj de la eldono: 2-foje po jaro.
   Redakcio: po unu representanto de la sekcioj.
   Argumentado:
   aktivigo de la eŭropa Konscio interne de A.E.C. pere de trans-sekciaj kaj pere de eŭrope ampleksa kunlaboro kaj informigo.

2) Plibonigo de la reciproka informo inter la eŭropa estraro kaj de la sekcioj pere de "mallongaj informoj"
   Lingvoj: nacia lingvo de la sekcio kaj Esperanto.
   Periodoj de la eldono: laŭ bezono, sed minimume 2-foje po jaro.
   Redakcio: interne de la sekcioj.
   Argumentado:
   Oni nur povas plifortigi la eŭropan konscion de la A.E.C.-membroj pere de pli intensiva informo. Ekzemple, ĉiuj sekcioj kaj la eŭropa estraro devus, sen grandaj elspezoj (kaj senpere), informiĝi reciproke pri:
   arangoj,
   kontaktoj al Eŭropaj instancoj,
   novaj celoj/imagoj pri novaj celoj,
   komunikoj el la trafiko de la unuopaj fervojaj administracioj, k.t.p.

3) Prilaboro kaj noveldono de la "Eŭropaj statutoj A.E.C." (stato 1984)
   Lingvoj: franca kaj Esperanto.
   Argumentado:

necesaj aliigoj kaj kompletigoj de la statutoj de la sekcioj devas esti konformaj kun la Eŭropa statuto, laŭ la plej nova stato.

4) Plifortigo kaj ampleksigo de la A.E.C. pere de fondado de novaj sekcioj, ke almenaŭ estu sekcioj en ĉiuj 10 landoj de la Eŭropa komunumo (estonte 12 landoj)
Argumentado:
aktiva kunhelpo kaj kunlaboro realigi la Eŭropan unuiĝon.

---o---

AMIKOJ!
ENSKRIBIĜU AL LA A.E.C.!
ENKONDUKU ESPERANTO-N
EN LA A.E.C.!

---o---



NI LEGIS POR VI

Esperantlingva broŝuro "NORVEGUJO" kun multaj koloraj bildoj: 16 paĝoj de teksto krom 8 paĝoj de belegaj koloraj-bildoj kun mapo de la Skandinava regiono. Eldonita de la Norvega Reĝa Ministerio pri Eksterlandaj Aferoj kun ĉiuj informoj por koni Norvegion.

Ni legis ankaŭ kajerojn de la "NORVEGAJ INFORMOJ" eldonitajn de la sama Ministerio. La kajero de aŭgusto 1980-a parolas pri Henrik Ibsen (sespaĝa kun bildo) kaj tiu de junio 1983-a parolas pri la Norvegaj mezepokaj lignaj-kirkoj (preĝejoj).

Ni ricevis "Norvegujon" rekte de la Reĝa Ministerio de Eksterlandaj Aferoj sed ĝi estas senpage havebla de N.E.L. - Olaf Schous vej, 18 N - 0572 O S L O - 5 - Norvegio.

---o---

INTERNACIA
FERVOJISTA
ESPERANTO-
FEDERACIO




HISTORIO 1909 1984



LEGU LA "HISTORIO DE I.F.E.F. 1909-1984"

Havebla ĉe IFEA-Via Donato Creti n-ro 61 = 40128 BOLOGNA.
Kontribuo L. 2000 pro kopio.
80-paĝa libreto kun fotoj kaj aldona afiŝo, nepre necesa al ĉiuj fervojistoj Esperantistoj por scii ĉion kaj koni ĉiujn pri nia faka movado.

## NEKROLOGOJ

La 7-an de oktobro 1984-a mortis en Bologna S-ino Malvina SORCI CATENA edzino de nia pi-oniro Giulio Catena, longjara kasisto de I.F.E.A. kaj tre konata en la Fervojista Esper-anto medio en Italio kaj ekst-erlande. Al nia kara amiko Giu-lio la plej sincerajn kondolen-coj.

La 3-an de septembro 1984-a mortis en Bologna Inĝ-ro Gino VITERBI, de multaj jaroj membro de I.F.E.A. kaj nia subtenan-to. Al la edzino Dora niaj plej sinceraj kondolencoj.

Laste, la 25-an de januaro 1985 trafis nin la novaĵo pri la morto de nia franca amikino (kolegino) Georgette COYAC.

La geedzoj Coyac estis dum longaj jaroj la motoro de la Franca Fervojista Esperanto-Mo-vado.

Al la edzo Robert kaj al F.F.E.A. niaj plej sinceraj ko-ndolencoj.

### AMIKECO

En la silento de l' profunda memo
sekrete nestas revaj korosentoj
pri firma interhoma amikemo,
pri plena harmonio inter gentoj.

Ĝi revas mondon de trankvila vivo,
homan socion en epok' feliĉa:
etoso rava de la kolektivo
libera, nobla, je bonvolo riĉa.

Fratiĝa celo ĉe la fin' rezultos
el kuna iro laŭ justeca vojo.
Se la pacamon ni sincere kultos,
ni povos diri kun intima ĝojo:

"Sur tuta tero l' amikec' ekfloras;
jubilu ni, ĉar nova tag' aŭroras!"

## REMEMORO

S-ino Carolina Minio Paluel-lo, vidvino de Kav. Luigi Min-naja, forpasis je la fino de la pasinta jaro.

Familio Minnaja estas tre fa-ma en la Esperanta medio, ĉar inter alie ili direktis la Esp-eranto-elsendojn de Radio Roma kaj Radio Vatikana ekde la ko-menco. Tiuj alsendoj estas apa-rte ligitaj al la Fervojista Esperantmovado ĉar ankaŭ niaj pioniroj en Romo, Ermanno Fi-lippi kaj Asenzio Blasimme ak-tivis kun Familio Minnaja en la elsendoj de Radio Roma en Esperanto, kaj ankaŭ en la ĝe-nerala Esperantmovado en Romo.

Mi esperas ke la malnovaj esperantistoj memorus la juna-jn geedzojn Minnaja okaze de la U.K. en Romo en la jaro 1935-a.

Al la filoj Nicola kaj Car-lo kaj al ĉiuj ceteraj gefami-lianoj niajn plej sincerajn ko-ndolencojn.






Redaktoro:

Geo Climelli

**I. F. E. A.**



**ASSOCIAZIONE ITALIANA FERROVIERI ESPERANTISTI**


Aderente alla INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO FEDERACIO (I. F. E. F.):
alla UNIVERSALA ESPERANTO ASOCIO (U. E. A.) - ROTTERDAM (Membro consultivo dell'UNESCO 1954)
e alla FEDERAZIONE ESPERANTISTA ITALIANA (F. E. I.) - (Ente Morale 1956)

Sede Centrale: Dopolavoro Ferroviario Bologna ((Italujo)





# Informal Bulteno

ITALA FERVOJISTA ESPERANTO - ASOCIO

## ITALA FERVOJISTO


REDAKTEJO: 40128 Bologna - Via Donato Creti N, 61 - Tel. 359.071


STAMPE